# BRAZILA ESPERANTISTO

OFICIALA ORGANO
de "BRAZILA LIGO ESPERANTISTA"

8-a Jaro — Numero 9-10

JARABONO
En Brazilio 3$000
Eksterlande 5 fr. (2 Sm.)

Septembro-Oktobro 1917

REDAKCIO—PRAÇA QUINZE DE NOVEMBRO
RIO DE JANEIRO — BRAZILIO


## ESPERANTO EN LA PUBLIKAJ LERNEJOJ

### RIO DE JANEIRO

La 23an de Oktobro la klera konsilanto dro Antonio Maximo Nogueira Penido prezentis al la konsidero de l' Ĉefurba Konsilantaro la jenan projekton :

### PROJEKTO N. 197

**Ĝi permesas la nedevigan instruadon de la lingvo Esperanto en la elementaj, metiaj kaj normala lernejoj de l' Distrikto Federala.**

Konsiderante ke la starigo de unika lingvo, destinata por la interŝanĝado de rilatoj inter diversnaciaj popoloj, estas de longe rekonita kiel tuja neceso de multegaj intelektuloj:

Konsiderante ke la lingvo Esperanto, genia kreitaĵo de l'klera pola filologiisto dro. L. L. Zamenhof, estas la sola solvo tro elprovita dum la 30 jaroj de sia venka ekzistado :

Konsiderante ke estas devo de ĉiuj registaroj plivastigi, per peraj rimedoj, la propagandon de tiel bonfarinta iniciativo :

Konsiderante ke la registaroj per multaj elmontroj estas donintaj siajn moralajn kaj materialajn helpojn al ĝia disvastigado, subvenciante lokajn esperantistajn grupojn, starigante kursojn, kies profesoroj estas pagitaj de la Urbestraroj ; aŭ enmetante Esperanton en la programojn de la unuagradaj, duagradaj kaj superaj lernejoj, aŭ farante deviga ĝian instruadon :

Konsiderante ke eĉ en nia lando, diversfoje, la Federala Registaro kaj ankaŭ la Ŝtataj kaj urbaj registaroj, per faroj kaj paroloj, estas sin montrintaj favoraj al tiu lingvo kaj ke la Urbestraro de l' Distrikto Federala estas permesinta la nedevigan instruadon de tiu lingvo en la publikaj lernejoj de ĉi tiu ĉefurbo :

La Ĉefurba Konsilantaro decidas :

Art. 1a. — Estas permesata la nedeviga instruado de la lingvo Esperanto en la elementaj, metiaj kaj normala lernejoj de l' Distrikto Federala, farataj de profesoroj montritaj de Brazila Klubo «Esperanto».

Art. 2a. — En la konkurso por la akcepto en la Normala Lernejo estos preferataj la kandidatoj, kiuj, en egalaj kondiĉoj, prezentos la ateston pri lernado de Esperanto donitan de Brazila Ligo Esperantista.

Art. 3a. — Por la publikaj oficoj ricevotaj post konkurso, estos preferataj, en egalaj kondiĉoj, la kandidatoj, kiuj prezentos ateston pri lernado de la lingvo Esperanto donitan de Brazila Ligo Esperantista.

Art. 4a. — Estas nuligitaj la kontraŭajn ordonojn.

Ĉambro de l'kunsidoj, la 23 an de Oktobro 1917.

*Antonio Penido.*

---

Jam komenciĝis la ekzamenoj de la gelernantoj de l' kursoj malfermitaj dum la kuranta jaro en la publikaj lernejoj.

Je la 25a kaj 26a de Oktobro efektiviĝis la ekzamenoj de l' kurso speciala por profesorinoj de la publikaj lernejoj malfermita de dro E. Backheuser en la lernejo Tiradentes kaj de

l' kurso farita de sro Osmany Coelho e Silva en la Perfektiga Lernejo. Ĉeestis ĉiujn pruvojn dro Elysio de Araujo, tre klera inspektoro de l' tria lerneja distrikto.

La 26 an kaj 30 an de la sama monato okazis la ekzamenoj de l' kurso farita de dro J. B. Mello e Souza en la Normala Lernejo.

Ĉiuj ekzamenitoj bone sukcesis.

---

## ARACAJU'

### (ŜTATO SERGIPE)

---

La trian de Oktobro la klera deputito sro Edison Lacerda prezentis la jenan projekton :

La deputitaro decidas :

Art. 1a.— Estas starigita en la Normala Lernejo kaj en la duagradaj lernejoj de l' ĉefurbo la nedeviga instruado de Esperanto.

Art. 2a.— La kursoj de la nova lingvo estos direktataj de nepagitaj profesoroj montritaj de Esperanto Klubo de Aracajú aŭ de Brazila Ligo Esperantista, kies sidejo estas en Rio de Janeiro.

Art. 3a. — Esperanto estos instruata dum du jaroj al la lernantinoj de la Normala Lernejo, komencante de la dua serio, kaj en ĉiu serio estos du lecionoj ĉiusemajne.

Art. 4a.— La lernantinoj de Esperanto faros ekzamenon en la fino de l' kurso, kiu estos registita en la libroj de la Normala kaj duagradaj lernejoj.

§ unua.— La transpaso de la unua al la dua kursjaro de Esperanto en la Normala Lernejo estos faratai laŭ la komuna proceso de l'pligradiĝoj.

§ dua.— La gelernantoj de Esperanto en la duagradaj lernejoj ricevos tri lecionojn ĉiusemajne kaj faros ekzamenon en la fino de l' kurso.

Art. 5a. En egalaj kondiĉoj, la atesto pri lernado de Esperanto donos preferon al la lernantinoj de l'duagradaj lernejoj, kiuj konkuros al la vakantaj lokoj en la Normala Lernejo kaj al la diplomitiinoj fariĝontaj instruistinoj.

Art. 6a.— Estas nuligitaj la kontraŭaj ordonoj.

*Edison Lacerda.*

*El la U. E. A. gazeto* ESPERANTO.

## La Lastaj Tagoj de D-ro Zamenhof

*Pere de nia Del. en Varsovio, S-ro Oberrotman, ni ricevis la jenajn interesajn notojn de D-ro Leono Zamenhoj pri la lastaj tagoj de nia kara Majstro.*

La morto de D-ro Zamenhof alvenis subite sed ne tute neatendite. Lia kormalsano komencis disvolviĝi tuj post la eksplodo de la milito. La atakoj de l'brusta angino, komence maloftaj, en la monato majo de la pasinta jaro fariĝis tiel oftaj, ke ili tute malebligis al li ne nur metiajn okupojn sed ankaŭ lian plej amatan laboron por Esperanto. Tiuj atakoj aperadis ofte, kelkfoje tage kaj nokte, kaj forpeladis de li kvietan dormon. La doloriga stato de lia sano influis tre malĝojige lian psikon. Ĉiam egalanima kaj kvieta, la mortinto en la lasta tempo pro deviga senlaboremeco estis tre nervekscitita. De oktobro ĝis februaro D-ro Zamenhof sentis sin relative pli bone, kvankam la atakoj ne forlasis lin tute, aperante nur pli malofte kaj malpli dolorige.

En tiu ĉi pli hela intertempo de lia malsano, la mortinto regajnis esperon por nova laboro kaj revis pri la progreso de siaj ideoj post la milito... En tiu ĉi tempo turnis sin al li S-ino Hankel kun la propono eldoni grandan Esperantan vortaron. Esperante, ke li povos preni sur sin tiun ĉi grandan laboron, li kelkfoje korespondis pri tiu temo kun S-ino Hankel. La lasta letero, kiu estis elsendota al S-ino Hankel, restis nefinita inter la forlasitaj de li manuskriptoj.

D-ro Zamenhof jam dum la milito finis la tradukon de la Malnova Testamento, kies unua parto estas jam presita en Anglujo. kiam alkutimigita al laboro, la mortinto anĈaŭ dum la malsano en horoj liberaj de suferoj ame sin redonadis al siaj karaj pensoj pri Esperanto kaj ligitaj kun ĝi revoj pri homfrateco.

Lia edzino, kiu en la lasta tempo lin tute ne forlasadis, estante ĉiam apuĉe de li, rakontas, ke ofte dum nokto, ne povante dormi, li faris diligente iajn notojn ; kiam ŝi petis lin ne malkvietigi lian noktan ripozon, li respondis, ke bonajn pensojn oni devas tuj noti, ĉar ili facili povas esti forgesitaj la sekvantan tagon !

Ŝajne, la malboniĝon de lia sanstato kaŭzis la neatendita ekscio pri la morto de lia frato D-ro Aleksandro, kiun li tre amis, kaj kiu mor-

tis en Rusujo la pasintan jaron, estante milita kuracisto en Rusujo. En la lastaj dek tagoj la malsano de nia Majstro akre malboniĝis. La koro, laciĝita pro konstantaj atakoj, ne povis jam plenumi normale sian funkcion; komencis aperadi la signoj de kora malforteco. Tiuj lastaj tagoj estis vera turmento por la mortinto. La lito, kiun li en la lasta tempo forlasadis tre malofte, kaj kiu kvietigis liajn fizikajn turmentojn, fariĝis por li fonto de novaj doloroj. La stato de malfortiĝita koro malebligis al li restadon en kuŝa pozicio. La vido de lito estis por li de tiu tempo turmentoj de Tantalo!... Sed baldaŭ la sida posicio fariĝis por li ankaŭ suferiga! En tiuj turmentoj dum la lastaj kelkaj tagoj la dormo aŭ iu ajn ripozo estis por li tute neebla.

Malgraŭ tiuj grandaj fizikaj kaj psikaj doloroj, mi neniam aŭdis de li ian plendon. Nur unu fojon li esprimis deziron, ke, se la morto estas jam por li neevitebla, ĝi venu almenaŭ sen grandaj turmentoj... Videble li supozis, ke lin atendas ankoraŭ pli grandaj suferoj. La 14 Aprilo la stato de D-ro Zamenhof rapide pliboniĝis; la koro komencis labori pli forte kaj malaperis la signoj de ĝia akra nesufiĉeco.

La kuracistoj havis esperon, ke venos pliboniĝo. Tiel pensis ankaŭ la mortinto. La lastan tagon, malgraŭ granda senfortiĝo, D-ro Zamenhof estis en tre bona humoro. Li eĉ rakontis al la ĉirkaŭantaro siajn anekdotajn sonĝojn kaj faris al si esperon, ke post longa interrompo li povos la alvenantan nokton pasigi oportune en sia lito... Je la 5a horo vizitis lin lia konstanta kuracisto kaj amiko, D-ro K., kaj konstatis ĉe li efektivan pliboniĝon. Post duonhora amika interparolo, sentante sin iom laca, mia frato petis la permeson de D-ro K., iom ripozi sur divano. — Ĝi estis lia lasta memvola movo! Kiam la edzino alproksimiĝis por prepari al li oportunan kuŝejon, ŝi trovis jam sian edzon malviva!

La morto alvenis subite kaj kiel deziris la mortinto, sen turmentoj. Li foriris el tiu ĉi mondo inter plej bonaj pensoj, tute ne sentante, ke li forlasas ĝin por eterne!

La 16 Aprilo je la 3a horo p. t. m. plenumiĝis la funebra cerimonio. Lian modestan vivon finis ankaŭ modesta enterigo!

La tempo de milito ne permesis fari tion, kion meritis la mortinto. Ĉe la tombo adiaŭis lin plej proksimaj amikoj kaj samideanoj. Leo Belmont en kortuŝanta belega parolado montris al multenombra ĉirkaŭantaro la signifon de lia verko por la homaro. S-ro Grabowski en Esperanta parolado adiaŭis lin la lastan fojon, rememoriganté, ke inter li kaj la mortinto la unuan fojon eksonis buŝe Esperanta lingvo antaŭ kelkdeko da jaroj.

En la nomo de germanaj Esperantistoj adiaŭis la Majstron S-ro Majoro Neubarth. Varsovia Havena Komandanto. Sur la tombon estis metitaj floroj je la nomo de polaj Esperantistoj, de redakcio *Pola Esperantisto*, de germanaj Esperantistoj kaj de liaj proksimaj amikoj kaj parencoj. La polaj Esperantistoj por honorigi la memoron de D-ro L. L. Zamenhof decidis proponi al la tutmonda Esperantistaro fari la proksiman Kongreson en Varsovio, kaj ligi ĝin kun starigo de lia monumento en Varsovio.

---

## L. L. ZAMENHOF

### Himno de danko

Majstro, ne mortis vi,
Nur velkis korpo via;
Venis l'anim' el Di',
Kaj ĝi restadas nia.
Ni fidu do al Li,
La Forto vera, dia.

Dio inspiris vin
Per saĝo pacienca,
Li do inspiru nin
Per sia fort' potenca,
Por ke ni sekvu vin
Al vero la esenca.

Cio ja, kion vi
Pro beno al homaro
Zorge elpensis: ĝi,
Kun ĉiu ajn bonfaro,
Postvivas vin en ni,
La via kolegaro.

Nun dankas Dion ni
El plej profunda koro,
Ho! kara Majstro vi,
Pro via vivlaboro;
Ĝis en Ciono ni
Revidos vin en gloro.

*Harrison Hill.*

(El «*Kantfolio*»)

# FRAZEOLOGIO PROVERBARO

Esperanta — Portugala

El Proverbaro de dro L. L. Zamenhof (Kolektis A. Couto Fernandes)

| | |
|---|---|
| 61. Malfermita kelo tentas al ŝtelo. | 61. Porta aberta, o justo pecca. O buraco chama o ladrão. |
| 62. Romo estas tie, kie estas la papo. | 62. Onde está o Papa, ahi é Roma. |
| 63. Gardu min Dio kontraŭ amikoj, kontraŭ malamikoj mi gardos min mem. | 63. Dos amigos me guarde Deus, que dos inimigos me guardarei eu. De boi manso me guarde Deus, que do bravo me guardarei eu. |
| 64. Pasinta doloro for el memoro. | 64. Pena passada, pena esquecida. |
| 65. Silento estas konsento. | 65. Quem cala, consente. |
| 66. Bato de patrino ne longe doloras. | 66. Pancada de amor não dóe. Pé de gallinha não mata pinto. |
| 67. Kiel akirite, tiel perdite. | 67. Bens de sacristão, cantando vem, cantando vão. O dinheiro como vem, assim se vae. Agua o dá, agua o leva. |
| 68. Pli bona io, ol nenio. | 68. Mais vale pouco que nada. ¡Melhor é palha que nada. |
| 69. Peke akirita ne estas profita. | 69. O mal ganhado, leva-o o diabo. Quem o alheio veste, na praça o despe. O diabo dá, o diabo o leva. |
| 70. Ili estas en akordo, kiel peto kaj mordo. | 70. Estão como o cão com o gato. Não fazem bôa farinha. |
| 71. Edzigu filon, kiam vi volas, — edzinigu filinon, kiam vi povas. | 71. Casa o filho quando quizeres e a filha quando puderes. |
| 72. Kritiki estas facile, fari malfacile. | 72. Criticar é mais facil do que fazer melhor. De obras feitas, todos são mestres. |
| 73. Sonorilo vokas al preĝejo kaj mem neniam eniras. | 73. Faz o que eu digo, não faças o que eu faço. |
| 74. Kio al unu donas forton, al alia donas morton. | 74. O que é bom para um, póde não ser para outro. Com o que Pedro sara, Sancho adoece. |
| 75. Se la ĉielo falus al tero, birdokaptado estus facila afero. | 75. Se o céo cahisse, morreriam todas as cotovias. |
| 76. Restu tajloro ĉe via laboro. Ekster via ofico estas ekster via vico. | 76. Cada qual no seu officio. Cada macaco no seu galho. Não vá o sapateiro além das chinellas. |
| 77. Estinta amiko estas plej danĝera malamiko. | 77. Muito peior que um inimigo, é um máu amigo. Amigo annojado, inimigo dobrado. |
| 78. Pecon detranĉitan al la pano ne regluu. | 78. Amigo quebrado, não mais concertado. |
| 79. Kun kiu vi festas, tia vi estas. | 79. Cada qual folga com seu igual. Dize-me com quem andas e te direi quem és· Taes com taes. Deus os fez e o diabo os ajuntou. Cré com cré, lé com lé. |
| 80. Por amiko intima ne ekzistas vojo malproksima. | 80. A bôa vontade faz do longe perto. |
| 81. Amiko de mia amiko estas mia amiko. Se la gasto meritas, eĉ lia hundo profitas. | 81. Amigo de meu amigo, meu amigo é. Quem ama beltrão, ama seu cão. |

(Daŭrigas) (Coutinua)

# Brazila Gazetaro kaj Esperanto

Jen estas la listo de la de ni ricevitaj gazetoj kaj revuoj, kiuj dum la 2ª duonjaro 1915 a publikigis artikolojn kaj informojn pri Esperanto.

**Acre.** — *Commercio do Acre*. (Xapury).
**Amazonas.** — *O Tempo*. (Manaos).
**Maranhão.** — *Pacotilha* kaj *O Jornal*. (S. Luiz).
**Ceará.** — *A Tarde*. (Fortaleza).
**Pernambuco.** — *O Tempo* kaj *Jornal Pequeno* (Recife).
**Sergipe.** — *Diario da Manhã*. (Aracajú).
**Bahia.** — *Diario de Noticias* (S. Salvador), *O Conservador* (Nazareth).
**Espirito Santo.** — *O Alegrense* (Villa do Alegre).
**Stato Rio.** — *Aurora* (Valença).
**S. Paulo.** — *O Astro* (S. Paulo).
**S. Catharina.** — *A Opinião* (Florianopolis).
**Rio Grande do Sul.** — *O Brasil Philatelico* (Cachoeira), *Republica* (S. Victoria do Palmar).
**Minas.** — *A Voz da Serra* (Coimbra).
**Matto Grosso.** — *A Liça*. (Cuyabá).
**Rio de Janeiro.** — *Jornal do Commercio*, *O Paiz*, *O Imparcial*, *Correio da Manhã*, *União Postal*, *Jornal do Brazil*, *Gazeta de Noticias*, *Jornal do Commercio da Tarde*, *A Noite*, *A Rua*, *A Noticia*, *A Tribuna*, *Gazeta Suburbana*, *União Postal*, *A Trombeta*, *A Epocha*.

---

# La tombo kaj la rozo

La tombo demandis al la rozo : Kion vi faras, floro de l'amoj, el la larmoj de l'matenkrepusko, kiu malseketigas vin ?

Kaj la rozo demandis al la tombo: El tio, kio jalas en vian buŝon hiantan, kion vi faras ?

Kaj diris la rozo : El la larmoj mi faras, silente, parfumon de ambro kaj de mielo... Kaj diris la tombo : Dolorigita floro, el ĉia animo, kiu al mi alvenas, mi faras ĝanelon, kiu flugas al la ĉielo, kie la steloj trembrilas.

Tradukis

*A. Dorea.*

---

## Komenco de kortbirda komerco

Iu sinjorino projektis fari surprizon al sia edzo, kiu ial ne akompanis ŝin al ŝia jara kamporestado.

Antaŭ ŝia reveno ŝi aĉetis kaj alsendis al sia edzo seson da kokinoj, kiuj devus efektivigi ilian idealon : «Komenco de kortbirda komerco laŭ ĉiuj konsilindaj principoj de ekonomio»...

Post du aŭ tri tagoj, okaze de la reveno de l'sinjorino, ŝia edzo iris al la stacidomo por renkonti sian karan edzineton, kiu tre ĝoja kaj karesa ĉirkaŭprenis lin kaj komencis la jenan dialogon :

— Ĉu vi ricevis la belajn kokinojn, kiujn mi sendis al vi por la komenco de nia kortbirda edukado ?

— Jes, sed kiam ili alvenis, mi ankoraŭ ne estis reveninta de mia taglaboro. La servistino malfermis la kaĝon kaj mi, revenante hejmen, estas devigita kapti ĉiujn kokinojn, kiuj jam estis sur la strato tute miksitaj kun la aliaj najbaraj kortbirdoj.

— Ho ! Kiom da kokinoj vi kaptis ?

— Ve... Miopa kiel mi estas, mi nur sukcesis kapti tridek-ses forkurintajn... (La reveninta sinjorino svenis post tiuj ĉi lastaj vortoj.)

El portugala lingvo, laŭmemore tradukis

*Frederico Monteiro de Barros.*

---

# KRONIKO

**Pará** — *Belém*. Dro. Nuno Baena malfermis kurson de Esperanto per la kolonoj de l' ĵurnalo «Estado do Pará». Alia grava ĵurnalo «Folha do Norte» publikigis longan telegramon pri intervjuo kun s-ro A. Couto Fernandes aperinta sur la unua paĝo de l' multlegata ĵurnalo «A Noite».

«Estado do Pará» transkribis la tutan intervjuon kaj aukaŭ tiun de dro E. Backheuser.

**Rio Grande do Norte.** — *Villa Augusto Severo*. Ricevis la ateston pri lernado sro Julio Eugenio Regis, lernanto de kurso per korespondado.

**Sergipe** — *Aracajú*. La klera deputito sro Edison Lacerda prezentis al la deputitaro projekton pri enkonduko de Esperanto en la Normalan kaj duagradajn lernejojn. La prezidanto de Brazila Ligo sendis telegramon de danko al tiu deputito kaj gratulis dron Alcebiades Paes, prezidanton de Esperanto Klubo, pro tiu okazintaĵo.

Dum la monato Oktobro okazis en la nobla salono de l' publika biblioteko ekzamenoj de Esperanto. La direktoro de l'biblioteko, sro Epiphanio da Fonseca Doria, estas de longe tre simpatia al Esperanto.

**Rio de Janeiro.** — La unuan de Septembro sro Annibal de Souza faris paroladon pri la «Deveno de l' prefiksoj». Ĝi estis la sepa de l' serio organizita de «Virina Klubo».

— Okaze de festo dediĉita al la novaj anoj aliĝintaj al la «Kristana Asocio de Junuloj» sro Annibal de Souza diris kelkajn vortojn en Esperanto en la nomo de Brazila Esperantista Klubo, filiita al tiu Asocio.

— La ĵurnalo «A Noite», unu el la plej legataj en Brazilio kaj kiu ĉiam montris sian simpation al Esperanto, publikigis sur la unua paĝo longan intervjuon, en kiu sro A. Couto Fernandes, prezidanto de B. L. E., parolas pri

la propagando de Esperanto en la publikaj lernejoj.

— Bona artikolo de monaĥo Thomaz de Villanova sub la titolo «Esperanto kaj la religio» aperis en la ĵurnalo «A Tribuna».

— «Jornal do Commercio da Tarde» publikigis longan artikolon pri «Esperanto en la publikaj lernejoj».

— La 23 an de Oktobro la klera konsilanto dro Antonio Maximo Nogueira Penido prezentis al la konsilantaro projekton permesantan la nedevigan instruadon de Esperanto en la elementaj, metiaj kaj normala lernejoj de l' ĉefurbo. Sro A. Couto Fernandes, en la nomo de la brazila esperantistaro, sendis telegramon al dro Penido.

Dum la monato Oktobro faris elementan ekzamenon de Esperanto kaj ricevis la ateston pri lernado la jenaj gelernintoj: Finoj Amelina Fernandes de Azevedo, Esther Erica Bloomfield, Alda do Nascimento Santos, Aurea Corrêa de Martinez, Maria Luiza Bocayuva, Maria da Gloria Oliveira, Angelina Alves de Freitas kaj Alice Soares Vivas (Kurso por profesorinoj, sub la gvido de dro E. Backheuser). Sro José Basbaum, lerninto de sro Osmany Coelho e Silva en la Perfektiga Lernejo.

Finoj Cecilia Benevides Meirelles, Cecy Faria, Daura Maury, Conceição Maury, Laura da Rocha Paredes, Leopoldina Rodrigues, Maria Serra kaj Maria Luiza de Araujo. (Kurso farita en la Normala Lernejo de dro. J. B. Mello e Souza), kaj sro Leonardo Bloomfield, lerninto de dro. E. Backheuser.

**Rio Grande do Sul.** — *Cachoeira.* O «Brasil Philatelico» transkribis la belan paroladon de nia klera samideano dro Venancio da Silva.

A. C. F.

## O Esperanto no Estrangeiro

Pelas noticias recebidas, verifica-se a unanime consagração que recebeu a memória do Dr. Lazaro Zamenhof, nas homenagens que lhe tributaram esperantistas e não esperantistas dos cinco continentes.

A mór parte dos jornaes esperantistas editaram numeros especiaes, dedicados ao Caro Mestre, havendo sido celebradas sessões funebrés, exequias, além de outras manifestações de profundo pezar.

Espera-se que o proximo Congresso Universal de Esperanto se realize em Varsovia, devendo ser inaugurado, por essa occasião, o monumento que, glorificando-lhe a memoria, se pretende erigir nessa cidade.

**Inglaterra.** — *Londres.* — No *Hyde Park* reunem-se esperantistas junto ao *Marble Arch*, fazendo ao ar livre a propaganda do Esperanto, demonstrando ao povo, em multidão, a utilidade e praticabilidade do Esperanto. O sr. Edmards, havendo dado uma breve explicação do Esperanto, servindo-se de um quadro negro ali adrede collocado, teve a satisfação de verificar que, 10 minutos após, muitos dos assistentes começavam a falar a cara lingua.

Delegações da *Church Esperantist League* e da *B. E. A.* foram recebidas pelo Comité Geral da Associação de Linguas no *University College*, onde o Rev. A. J. Ashley defendeu as duas proposições apresentadas pelas delegações:

«Que é desejavel a introducção do Esperanto nas escolas, o mais breve possivel;

«Que a introducção do Esperanto nas escolas é possivel, e a sua aceitação proporciona excellentes vantagens á educação. Falou tambem nesse sentido, a senhorita M. D. Truss. Houve animado debate, sem que se pudesse contrariar os argumentos a favor do Esperanto. Depois de encerrada a discussão, que durou duas horas, os membros do Comité da *M. L. A.* demonstraram consideravel interesse pelo Esperanto.

O sr. Harrison Hill escreve ao «The British Esperantist» — Não ha muito tempo recebi do Dr. Domec, major-medico do Exercito francez, que tem tomado um grande interesse pela causa da confraternisação dos soldados esperantistas, francezes e inglezes, uma copia da these que lhe proporcionou uma alta honra da Faculdade de Medicina. O Dr Domec juntou ao seu trabalho um resumo do mesmo em Esperanto.

Tendo traduzido este resumo para o inglez, com o cuidado de não consultar nenhum medico a esse proposito, para verificar si um leigo poderia sem qualquer auxilio fazer tal traducção, enviei-a a um dos mais famosos cirurgiões, o sr. Herbert F. Waterhouse, pedindo me indicasse os trechos da traducção que lhe não fossem comprehensiveis. Usando de sua benevola permissão, traslado para aqui sua resposta:

«E' um excellente certificado para o Esperanto que lhe permittiu a aptidão de fazer uma comprehensivel traducção de um trabalho de alta technica medica».

*Burnley.* — O sr. W. B. Currie conseguiu que no nordeste do condado de Lancaster, os membros das camaras de commercio se interessassem pelo Esperanto, tendo sido esse nosso samideano convidado a participar da 9ª Conferencia Nacional das Camaras de Commercio, reunida em Scaborough, especialmente para apresentar uma resolução a favor do Esperanto. A moção é concebida nos seguintes termos: «Tendo em vista as combinações que a Inglaterra e os alliados fazem no sentido de se concertar uma acção relativa ás futuras relações commerciaes, seria de immensa valia si a linguagem — o Esperanto — pudesse ser reconhecida como lingua commercial commum, e usada em nossas escolas e nas dos outros paizes.

Assim, o Esperanto formaria a base das communicações nas relações commerciaes de todo o mundo».

O sr. Currie defendeu brilhantemente o merecimento dessa moção, mostrando o que o Esperanto já tem feito em beneficio do commercio mundial. Outros membros da Conferencia falaram a favor, e dois contra.

Em seguida á votação, verificaram-se 70 votos a favor da moção e apenas 4 votos contra.

*Eccles.* — O Esperanto é ensinado officialmente em uma escola e, sem esse caracter, em outras duas.

Quatro escolas além dessas, têm representantes entre os alumnos do grupo da *Patricroft Congregational Schools.*

*Horwich.* — Realizou-se uma festa para commemorar o 30º anniversario do Esperanto.

*Woolwich.* — O sr. Bernard Long realizou no *Pioneer Club of Fellowship at Woolwich* uma conferencia, sob o thema: «A linguagem e a paz mundial», em que demonstrou a necessidade de uma lingua commum, destacando o Esperanto, cuja utilidade os 30

annos de existencia têm provado que é o unico modelo que deve ser aceito.

**Russia.** — *Petrogrado.* — Na edição de 21 de Janeiro da importante gazeta — «Novoje Vryemja», o publicista Menshchikov, como si presentisse o actual regimen politico da Russia, publicou um artigo a favor da «bella, e melodiosa lingua Esperanto, talvez a mais perfeita de todas as linguas».

No dia 1° de Maio, os samideanos de Petrogrado tomaram parte na manifestação operaria. A propaganda do Esperanto recebeu nesta cidade grande impulso, depois da revolução, havendo-se cônfederado, para mais vantajosamente trabalharem, as sociedades «Espero» e «Petrogrado Societo Esperantista».

Além disso, organizou-se um grupo de socialistas esperantistas, que editou um boletim intitulado «Demokratio kaj lingvo internacia». Exemplares desse boletim foram distribuidos em grande numero entre as sociedades politicas, entre os operarios e delegações de soldados, em muitas fabricas, usinas, etc. Muitos desses boletins foram affixados nas paredes das principaes ruas da cidade.

*Moscow.* — «La Ondo de Esperanto» publicou em Esperanto a mensagem do Presidente Wilson, dirigida ao Senado americano em 9 de Janeiro do corrente anno.

Em 1° de Maio os socios do grupo de operarios esperantistas moscovitas, seguindo a iniciativa de seus companheiros Malafeev e Seenko, incorporaram-se á manifestação, com que o operariado russo festejou aquella data.

Na bandeira, em campo branco, destacava-se a estrella verde encimando a divisa — Uni-vos, operarios de todas as nações.

**Dinamarca.** — *Copenhague.* — Realizou-se a sessão geral da Centra Dana Esp. Ligo. A proxima reunião realizar-se-á em Kolding.

**Suissa.** — *Locarno.* — Na séde da Sociedade dos commerciantes reuniram-se os promotores da fundação de um club esperantista. O resultado excedeu á espectativa.

**França.** — *Paris.* — Na sessão organizada para celebrar a memoria de Zamenhof, fez-se ouvir o Sr. Aymonnier.

**Italia.** — *Melfi.* — Fundou-se um grupo, sob a presidencia do sr. R. Laganara.

*Turim.*—A gazeta «Il Viaggiatore di Commercio» publicou artigos do sr. F. Perrucchetti. Depois da propaganda feita pelos samideanos Tellini e Caralfi, algumas camaras de commercio discutiram o thema: «O Esperanto como lingua commercial» e denunciaram sua adhesão ao projecto tratado pela *Court of Common Council.* Entre ellas, a *Camera di Commercio e Industria della Provincia de Siena* já enviou a sua adhesão.

**Hespanha.** — Alguns grupos recomeçaram sua acção de propaganda em Madrid, Barcelona, Cartagena, Cordoba, Coruña, Baltanas (Palencia) Palma de Mallorca, Orense, Tárrasa, Wendrell e Zaragosa.

*Madrid.* Os alumnos da «Asociación Amigos de la Enseñanza» insculpiram bustos de Cervantes e de Zamenhof, os quaes occupam logar de honra no salão nobre dessa sociedade.

*Barcelona.* — O mensario «Quaderns d'Estudi», revista dedicada especialmente a mestres e professores, editado sob o patrocinio e ás expensas do «Mancomunitat de Cataluña» publicou em o seu numero de Junho — 120 pags. — 40 paginas destinadas á propaganda do Esperanto. As restantes 80 paginas contêm a *Katalunja Antologio.* O curso de Esperanto que funcciona na Universidade de Barcelona, sob a direcção do Dr. Joaquim Coll, continúa com grande existo. Realizaram-se ultimamente exames nos tres gráos do curso de Esperanto: superior, para professores; secundario e elementar.

*Reus.* — Realizou-se a VII sessão do Katalunja Esp. Federacio e o 1° Congresso da Hispana Esp. Konfederacio.

*Sevilla.* — Realizou-se o 1° congresso regional do *Andaluzia Esp. Asocio.* O proximo congresso realizar-se-á em Cadiz.

**Portugal.** — *Lisboa.* — O «Jornal do Commercio e das Colonias» continúa a publicar a secção de propaganda do Esperanto.

Foi publicado o relatorio annual da *Lisbona Esp. Societo.* Nesse relatorio inseriram-se todas as publicações relativas á campanha vencedora dos esperantistas lusitanos conseguindo que o Esperanto fosse incluido na «Censura».

**China.** — *Peking.* O Esperanto foi introduzido na Universidade Nacional. O sr. K Ch. Smafizo dirige uma classe de 59 alumnos.

*Cantão.* — O sr. Kvajsam fundou um novo grupo chamado *Kantona Esperanto Asocio,* no qual ha um museu e funcciona um curso.

O sr. Kees (americano) fundou um grupo, sob o nome *Esperantista Klubo,* junto a Y. M. C. A. (Associação Christã de Moços). Na Y. M. C. A. o sr. Sinpak fez uma conferencia, havendo exhibido livros, gazetas e cartões postaes illustrados, editados e paizes diversos. Após essa conferencia adheriram muitas pessoas ao Esperanto.

**Japão.** — Em Tokio, Lucha, Kanasana, Osaka, Hiroshima e Kagoshima continúa activa propaganda.

**Persia.** — *Teheran.* O movimento em pról do Esperanto vai tomando incremento. Os esperantistas locaes reuniram-se para festejar a inauguração do grupo.

O samideano Salem, estabelecido com pharmacia nessa cidade, encontrou-se com outro bom esperantista, o principe Bahmen Shidam, e sua esposa, princeza Muchul Masover, e conjunctamente alistaram muitos adeptos. Entre os mais devotados, encontra-se o redactor da importante gazeta persa «Asré Djedid»; que frequentemente publica artigos em pról do Esperanto.

**Estados Unidos.** — *Philadelphia.* — Realizou-se a 10° congresso de esperantistas americanos.

**Mexico.** — *Mexico.* — A Esp. Amikaro organizou uma festa para celebrar a passagem do 30° anniversario do Esperanto. Nessa occasião, o sr. E. Guerra fez uma excellente conferencia acerca da significação do movimento esperantista e contou as vantagens que em sua viagem lhe proporcionára o Esperanto.

**Republica Argentina.** — *Buenos Aires.* — Appareceram artigos laudatorios á memoria de Zamenhof nos importantes jornaes — «La Prensa», «La Nacion», «La Razão» e «La Protesta». Fundou-se um novo grupo esperantista na *Asocio* «Clamor».

*La Plata.* — Foi eleita a nova directoria do grupo «La Plata».

**Africa.** — *Algeria.* — A sra. Marcelle Tiard desenvolve activa propaganda. Entre as pessoas que prometteram estudar e interessar-se pelo Esperanto, encontram-se directores e directoras de escolas, o inspector escolar, o presidente do Tribunal de Commercio, etc.

A visita da sra. Tiard visa proporcionar aos algerianos a eventual realização do Congresso Universal Esperanto, que se realizaria em Alger após a guerra.

*Johannesburg.* — Em consequencia da conferencia do sr. R. A. T. Junes, fundou-se um grupo. O sr. Hermant dirige um curso'

A. M.

## Bibliografio

Ni ricevis kaj tre dankas :

STRANGA IDILIO de *Arlo Bates*. Esperantigis Herbert Harris. Eldonita de Brita Esperantista Asocio. 17. Hart Street. W. C. London. Anglujo. Prezo Sm 0.375.

KANTFOLIO por uzo ĉe la diservoj memorigaj por *D-ro L. L. Zamenhof*, kaj ĉe aliaj esperantistaj kunvenoj. Brita Esperantista Asocio. 17. Hart Street. W. C. London.

LA KRISTANA SOCIETO DE AMIKOJ ankaŭ nomataj *«Quakers»*. Esperantigita kaj eldonita de Henry van Etten, membro de tiu Societo. Havebla ĉe la trudukinto. 10, rue Vivienne. Paris. France. Prezo : 1 Respondkupono.

Ni ankaŭ ricevis la jenajn eldonojn de la Komitato «Por Francujo, per Esperanto», 51, rue de Clichy. Paris.

KIU VOLIS LA MILITON ? *La devenoj de la milito laŭ la diplomatiaj dokumentoj* de sroj E. Durkheim kaj E. Denis, profesoroj en la Universitato de Parizo. Broŝuro n. 4 a.

KIEL LA AŬSTRO-HUNGAROJ FARIS LA MILITON EN SERBUJO. Broŝuro n. 5a. Eltiraĵoj el la libro de Profesoro R. A. Reiss, ĉe la Universitato en Lausanne.

MANIFESTADO POR LA HONORO DE LA MILITMARTIROJ, dediĉita al la memoro de Miss Edith Cavell kaj de Eugène Jacquet. Flugfolio n. 9.

## Esperanta Gazeto

INFORMILO. Ĵurnalo, dediĉita al serĉado de vojoj, celantaj al la realigo de interhoma frateco. Jara abono kun afranko... Sm 2.120. Redakcio. Bankovsky 2, kv.38. Moskvo. Russujo.

## Korespondado

Sro Pastro SERISEV, Sino pastredzino Tatiano SIGAROVA kaj instruistino DOMINIKO IVASKOVA deziras korespondi per ilustritaj poŝtkartoj kun neeŭropaj gesamideanoj. Adreso : — p. o. kosiĥinskoje, Barnaula uezdo - Tomska gubernio - Siberio.

ASTRAĤAN (*Rusl.*) *Spasskaja*, SRO RUKAVISNIKOV deziras interŝanĝi poŝtmark. kaj ilustr. poŝtk. kun ĉiuj, havas 6000 persajn kaj rusajn (inter ili 300 rus. militaj 1914—1917) markojn. Francoj kaj angloj alGluu milit — kaj de Ruĝa kruco markojn. Mi faros same.

## LIVROS

Na *Papelaria Confiança*, á rua dos Andradas n. 71, encontram-se á venda diversos livros em e sobre Esperanto, entre os quaes os seguintes :

| | |
|---|---|
| Curso Elementar de Esperanto, por M. Mendes e C. Fernandes (com o Esp. legolibreto) | 1$500 |
| Esperanta legolibreto | $500 |
| *Manfredo*, drama poemo de Byron, esperantigita de Dr. Venancio da Silva | 1$000 |
| *Parizina*, poemo de Byron, esperantigita de Dr. Venancio da Silva | $800 |
| *O Esperanto*. Conferencia do Dr. E. Backheuser | $500 |
| *Esperanto*. Conferencia do Dr. Antonio C. de Arruda Beltrão | $500 |
| Vortaro Esp.-portugala, de Tobias Leite | 1$500 |
| Diccionario Port-Esperanto, de Tobias Leite | 4$000 |
| Guia de Conversação, de Tobias Leite | 1$200 |
| Chave de Esperanto. Uma | $100 |
| Duzia | $800 |